# IRÊJO - Bulteno

**Informilo de Irana Esperantista Junulara Organizo**

N-ro : 14 Aprilo-Majo 1996 Fárvárdin-Ordibeheŝt 1375



★
**IREJO - Bulteno**

□Redaktoro : M.Reza Torabi □Kunlaborantoj : Fáriba Nuri Máĝd, Monire Fáhmi □Eldonaj aferoj : Ábbas Bagestani □Kovrilo : Máhmud Mirbozorgi □Eldona ordo : du monate □Poŝta adreso : P.O.Kesto 17765-184, Tehrano, Irano □Telekopiilo : (+98) 21 363232 □Telefono : (+98) 21 4506503 □E-poŝto : karimi@eco.atu.ac.ir ■

**Irana Esperantista Junulara Organizo - IREJO**

UEA kodo : irej-n, P.O.Kesto : 17765-184, Tehrano

Landa sekcio de TEJO, Landa filio de ISAE

La Estraro de IREJO :

- ***Prezidanto*** : M.Reza Torabi, (Eksteraj Rilatoj, Informado, Planado) p/a : IREJO
- ***Vicprezidantino*** : Fáriba Nuri Máĝd (Virinaj aferoj, Kunvenoj kaj Kunsidoj) p/a : IREJO
- ***Ĝenerala sekretario*** : Hámze Ŝáfii (Interasociaj Rilatoj, Pasporta Servo) p/a : P.O.Kesto : 13445-915, Tehrano. Tel : (021) 4506503
- ***Kasisto*** : Ábbas Bagestani (Komputila Rondo) p/a : P.O.Kesto : 13185-618, Tehrano. Tel : (021) 6626913
- ***Komisiito*** :
- Ábdollah Hákim Neĵad (Universitataj aferoj) p/a : IREJO

*La 7a Ĝenerala IREJO-Kunveno*

*"Jara Ĉefkunveno"*

*Dato : 22 6 1375 (12 9 1996)*

*Okazonte en Báhmán kulturejo, Tehrano.*

*La detalaj informoj ĉe la ĝenerala sekretario.*

### *Pasporta Servo 1996*

Pasporta Servo سال ۱۹۹۶ در قطع جدید به زودی آمــاده پخــش خواهـد بـود. علاقه‌مندان جهت تهیه آن ۳۵۰۰۰ ریال بوسیله پست مالی به نام عباس باغســتانی بـه آدرس صندوق پستی ۶۱۸-۱۳۱۸۵ ارسال نمایند.

برای عضویت در Pasporta Servo و دریافت رایگان Pasporta Servo 1997 بـا صندوق پستی ۹۱۵-۱۳۴۴۵ آقای مهندس حمزه شفیعی مکاتبه کنید.

### *Dankon!*

*La IREJO-estraro esprimas sian elkoran dankon al s-ano M.P.Hábibpur, pro lia sincera kunlaborado por okazigi la 5-an kaj la 6-an IREJO-kunvenoj .*

### *Atentu!*

*La anoncita 7-a Ĝenerala IREJO-kunveno en la 13-a numero ne okazos en la menciita dato, bonvolu legi la 2an paĝon.*

*Enhavo :*

## Saluton!

Karaj gesamideanoj,
Feliĉan Novruzon!

Jen Novruzo, jen nova jaro kaj la printempo. Al ni Irananoj la printempo enhavas ion aparton. Nia kalendaro kaj la jaro renoviĝas kun la printempo. Niaj prapatroj de pratempoj estis amikoj de la naturo kaj ĉiam respektis ĝin, kaj pro tiu nia plej granda nacia festo fariĝas Novruzo.

Kutime, en la komenco de la nova jaro oni rerigardas al si, al siaj faroj bonaj aŭ malbonaj dum la pasinta jaro kaj juĝas pri siaj plenumitaj kaj ne plenumitaj deziroj. Estas bona kutimo, ĉu ne?

Dum la pasinta jaro nia asocio vigle progresis kaj atingis al spertoj neimageblaj. Ni okazigis tri ĝeneralajn kunvenojn, aranĝis E-kursojn en Tehran-kulturejoj,ja ia estis unika IREJO-iniciato kiu havis multajn bonajn rezultojn por nia movado.

Unuafoje IREJO organizis en 1374 "Ago-Tago"n en Irano kaj tiun serioze ni celas forte kaj vigle okazigi ankaŭ en 1375.

La bultenon akurate malgraŭ diversaj malfacilaĵoj ni publikigis kaj espereble ankaŭ dum la nova jaro la bultenon ni publikigos pli bone ol la aperitaj numeroj.

IREJO preparis la unuan korespondan E-kurson al la interesatoj kaj propran lernolibron por siaj E-kursoj.

Registrigo de Irana Eperanto-Asocio (IREA) estas ege grava afero kiun oni serioze daŭrigis en IREJO kaj espereble en 1375 niaj agadoj ĉi terene donos frukton.

Estimata Samidean(in)o,

Sen via serioza kaj ada kunlaboro sendube ni ne povas plenumi la programojn, do via kunlaborado estas ege bezonata.

La IREJO-aktivado montris ke unuopaj aktivadoj ne povas enhavi deziritan rezulton, sed la kolektivitaj kaj laŭcele planitaj grupaj aktivadoj enhavus "miraklon" kaj nia asocio povas esti bona ekzemplo pri tiu.

Ĉi-jare la komitato ekfunkcios, ni havas multon por fari, Tehranaj gesamideanoj jam havas ŝancon ĉiu semajne kunveni en Báhmán kulturejo, kaj ni devas eluzi tiun ĉi oportunan okazon por plenumi niajn projektojn.

Morgaŭ estas ege malfrua, sen haste sed vigle kaj laŭcele ni ekaktivu de hodiaŭ!

Bonan jaron, pacon kaj sanecon,
Sincere via,
M . Reza Torabi

*Proksima Futuro : Durnegar(Teleteksto) en Televidiloj*

Teleteksto kaj Videoteksto estas du inform-epokaj servoj kiuj en proksima estonteco estos disvastigita inter hejm- kaj komerc - uzantoj.

Teleteksto (ne konfuzu kun teletekso) estas unuflanka servo en kiu paĝoj da informoj el centra datumbazo elsendiĝas pere de ordinara televid-signaloj. Eta porcio de la signal-bandlarĝeco normale perdiĝas kiam la elektron-radioj en televidiloj estas okupita en horizontala aŭ vertikala resekvo. Tiuĉi tempo povas esti uzata por translacii numeritaj paĝoj de teksto.

Se, ekzemple, bandlarĝeco disponebla por teleteksto estus 8 kb/s[4], kaj paĝoj konsistas el 20 linioj por 40 karakteroj, la servo kapablus translacio de 10 divarsaj paĝoj dum unu sekundo. Unu tipa sistemo povas translacii 100 diversajn paĝojn dum 10 sekunda intertempo, kaj poste ripeti ilin ĉiuj 10 sekundoj multfoje. La enhavo de paĝoj povas ŝanĝi dum sinsekvaj pasoj, kiam la datumbazo renovigiĝas.

Por uzi la sistemon, la uzanto tajpas paĝ-numeron sur klavaro koneksita al teletekst-deĉifrilo. La posta fojo, kiam tiu paĝo translaciiĝas (kaj ĉiuj sinsekvaj fojoj, ankaŭ), ĝi ekstraktikiĝas kaj montriĝas sur la televid-ekrano. Kun 10-sekunda tempo-ciklo, 5-sekunda averĝa malfruo estos antaŭ la apero de la paĝo. Do, eszistas transakcio inter-kapacito de la sistemo (kvanto de la paĝoj dum unu ciklo), kaj la respond-tempo.

Teleteksto estas la plej utila por simplaj informaĵoj, en kiuj multaj da popoloj interesas. Uzeblecoj estas : veter-antaŭvido, merkat-raportoj, novaĵoj, anoncoj, ktp.

En nia lando, tiu-ĉi sistemo estas sub la testo. La televid-reto 3 ĉiutagmeze translaciiĝas 1-hara programo, celita al informiĝo de publiko, montriĝante specimenojn de teletekstaj kapabloj.

Hámze Ŝáfii - Telekomunikada inĝeniero

*Ábbas Bagestani havas novan telefon-numeron. La eksa jam ne plu aktualas.*

*Jen la nova : 021 6626913*

## *Internacia Scienca Akademio Comenius*

La Akademio Comenius estis fondita en Kopenhago la 12-an de aprilo 1986. Ĝiaj iniciatintoj estis Paul Neergaard kaj Ivo Lapenna, kiuj estis elektitaj kiel prezidanto respektive vicprezidanto. Fondis la akademion 32 sciencistoj.

La celoj de la akademio estas i.a. iniciati, kuraĝigi kaj konsili pri efektivigo de sciencaj esplorprojektoj kaj establi kunlaboradon kun aliaj sciencaj akademioj- do celoj de iu ajn akademio scienca. Sed krome ĝi havas la celon agadi kiel organo de sciencistoj de eminenteco por reprezenti la sciencistojn kiuj uzas la Internacian Lingvon. La aliaj du akademioj en Esperantujo, nome la Akademio de Esperanto(AdE) kaj la Akademio Internacia de la Sciencoj San Marino (AIS), havas aliajn celojn. Pri la rilatoj inter la tri akademioj, kiuj laû siaj celoj neniel konfliktas inter si, oni povas legi en Aktoj de la Akademio [de Esperanto] III, paĝo 20.

Post la morto de Paul Neergaard kaj Ivo Lapenna en 1987 la prezidanto estas Stojan Ĉuĝev. La ceteraj estraranoj estas Christer Kiselman (ĝenerala sekretario), Fabrizio Pennacchietti (kasisto), Stanley Nisbet kaj Olav Reiersol.

La akademio portas la nomon de Johann Amos Comenius (Jan Komensky, 1592-1670), filozofo kaj fondinto de la pedagogio. Lin okupis la ideo pri disvastiĝo de civilizo helpe de artefarita lingvo. En via lucis (La vojo de la lumo) li skribis pri la neceso de universala lingvo, kaj en Panglottia li pridiskutis la dezirindajn ecojn de nova lingvo.

La emblemo de la akademio, devenas de la ornamita tenilo de vikinga glavo. La cirklo reprezentas la mondon. La fonda kunsido adoptis la figuron kun la senco Integro tutmonda kiel simbolon por la Akademio Comenius.

## *Aktoj de Akademio Comenius*

La unua volumo de la Aktoj de Akademio Comenius aperis en 1992 - la jaro de la kvarcenta datreveno de la naskiĝo de Comenius. Ĝi enhavas 15 artikolojn pri diversaj temoj. Ĝin publikigis Ĉina Esperanto-Eldonejo. La akademio sincere dankas al la eldonejo, kiu donace kompostis kaj presis la libron.

*C. O. Kiselman*

*IREJO-Biblioteko, Revo kiu realiĝas*

Al Irana esperantistaro ankaŭ mankegas iun propran bibliotekon havi ĝin kaj ti estis revo sed ne ĉiam la revoj estas ne atingeblaj!

IREJO decidas solvi tiun grandan problemon kaj prepari taŭgan bibliotekon por Irana esperantistaro. Ni kredas ke la disvastigo de Esperanto ne eblas sen ia forta vigla kaj disponebla biblioteko.

IREJO-Biblioteko plu ne estas nur bela revo sed jam fakto! Niaj unuopaj libroj, gazetoj kolektiĝos kaj faros aron da libroj kaj gazetoj. Jam kelkaj solidaremaj gesamideanoj kaj eksterlande kaj enlande favore donacis librojn kaj gazetojn al IREJO por realigi IREJO-Bibliotekon, ankaŭ vi, kara samidean(in)o, ni atendas vian kontribuon. Sen via kontribuo la afero ne glate antaŭiros.

IREJO-Biblioteko atendas viajn kontribuojn!

*Oficiala raporto de "IREJO-Biblioteko"*

La listo de la kontribuintoj al IREJO-Biblioteko :

F-ino Sabira Stahlberg Germanio/Finnlando
S-ino Fereŝte Taremi Usono/Irano
S-ro M. Reza Táŝákori, F-ino Monireh F.,
S-ro Aref Azári, F-ino Nazi Solát,
S-ro Ábdollah Hákimnejad,
S-ro G. Reza Azárhuŝáng, S-ro Hámzeh Ŝáfii,
S-ro M.Reza Torabi, Tehrano
S-ro Mohámmad Reza Rahvár, Tábrizo
D-ro Hejdár Ráŝidi, Torbáte Ĝam
S-ro Golam Reza Ebadi, Bándár Mahŝáhr
D-ro Ulrich Mattias, Germanio
Internacia Esperanto-Instituo, Nederlando
Akademio Internacia Comenius,
S-ro Dieter Rooke, Eldonejo PROSVETA, Svisio
Esperanto Societo de Ĉikago, Usono
Internacia Esperanto-Muzeo, Aŭstrio
D-ro Pere Julia, Hispanio
(ĝis 30 02 1996 dudek kontribuintoj) .

*Al ĉiuj kontribuintoj koran dankon!*





## ADO

| | | |
|---|---|---|
| 1. | | (VESTO)BROSO |
| 2. | -ILO | TENILO |
| 3. | | HAROJ |
| 4. | -ADO | BROSADO |
| 5. | | TELEFONO |
| 6. | -ADO | TELEFONADO |
| 7. | | KRONO |
| 8. | | EPISKOPO |
| 9. | | NOVA REĜO |
| 10. | -ADO | KRONADO |
| 11. | | MARTELO |
| 12. | | NAJLO |
| 13. | -ADO | MARTELADO |
| 14. | | PAFO |
| 15. | -ADO | PAFADO |
| 16. | | KUGLOJ |
| 17. | -INGOJ | KUGLINGOJ = KARTOĈOJ |
| 18. | -ETAĴOJ | KUGLETAĴOJ = PLUMBEROJ |
| | -ILOJ | PAFILOJ (19-22) |
| 19. | | FUSILO |
| 20. | -ETO | MITRALETO |
| 21. | | REVOLVERO |
| 22. | | PISTOLO |
| 23. | -ANO | POLICANO |
| 24. | | KUGLO-ZONO |
| 25. | -INGO | PISTOLINGO |
| 26. | | KEPO |
| 27. | | BANDITOJ |
| 28. | -ITO | VUNDITO |
| 29. | -ILO | APOGILO |
| 30. | -ILO | ŜARGILO |
| 31. | | TUBO |
| 32. | -ILO | CELILO |
| 33. | -ILO | EL-LASILO |
| 34. | -AĴOJ | PAFAĴOJ |

### " Potenco sen sindevigo "

Pri la potenco sen sindevigo Platono diris :

" Leporo estis sidanta ĉe antaŭ Leono, kaj priparolis pri la justeco kaj per la plej bonaj rezonoj diris :

" Indas ek de nun ne ofendi aliajn kaj ne ĝeni malfortulojn".

Tiam ĝi demandis :

" Ho Leono estimata kaj justa! en tiu ĉi vepraro, tion, kion mi diris, ĉu estis akceptebla ĉe via ekcelenco kaj ĉu tio estigos ŝanĝon en via agmaniero?

La Leono fiere movis siajn kolhararon kaj voston kaj serioze kaj certige diris :

" Ho leporo kara! hodiaŭ vi elokvente kaj bele parolis, la sola malhelpo , kio estis en via bona parolado estis tio, ke vi nenion menciis pri miaj ungegoj kaj akre fortaj dentoj kaj vi fine ne diris kion mi faru per tiuj ĉi!

*Esperantigis : Monire F.*

---

### *La turisto*

Traduko el la germana lingvo

Se mi demandas la turiston :
De kie vi venas?
_De hejmo, de hejmo.
Se mi demandas la turiston :
Kien vi volas iri?
_Al hejmo, al hejmo.
Se mi demandas la turiston :
Kie burĝonas via ŝanco?
_En hejmo, en hejmo.

*Esperantigis : D-ro H.Râŝidi , Torbâte ĝamo - Irano*

---

### *Ĉu Naûruzo aû Novruzo?*

Oni jam memoras ke sur la kovrilo de IREJO-Bulteno n-ro 8 aperis jena titolo : Feliĉan Naûruzon! eĉ en ĝi estis publikita artikolo pri Naûruzo. Post la apero de tiu numero kelkaj gesamideanoj protestis nin rimarkante ke naûruzo ne estas ĝusta kaj la ĝusta estas "Novruzo". En la Persa-Esperanto vortaro de B. Sâmimi, li jam skribis : " Noûruzo", do kion ni faru?

La majstro Aref Azâri (La aûtoro de Plena Esperanto-Persa kaj Persa-Esperanto Vortaro, eldononta) rimarkigis nin ke la vorto "Novruzo" estas ĝusta, dank' al la majstro. Do de nun ni uzas la vorton "Novruzo" kaj ne la eraran "Naûruzo".

Novruzo = Nova tago, *Feliĉan Novruzon 1375!*

### *Semajnaj kunsidoj*

Laŭ la konsento de la Báhmán kulturejestro oni povas aranĝi ĉiu lunde tri horan Esperanto-kunsidon en la kulturejo.

### *Superaj kursoj*

Ĉiu lunde ekde la horo 17 ĝis la 18 okazas progresita Esperanto-kurso en Báhmán kulturejo kiun gvidas F-ino Monireh F., Esperanto-instruistino kaj UEA fakdelegitino pri telekomunikado en Tehrano. Interesatoj estas bonvenaj.

### *Esperanto-ekspozicio*

Oni planas okazigi Esperanto-ekspozicion en Báhmán kulturejo dum la unua semajno de Ordibeheŝt. Oni planas dum la okazonta ekspozicio vaste propagandi pri "Mazi Esperanto-kurso".

### *Reklamo en televid-kanaloj*

La ĝeneralaj rilatoj de Báhmán kulturejo mendis oficialajn reklamojn pri la Esperanto-kursoj kiuj estas aranĝitaj en la kulturejo. Oni publikigis anoncon kaj informojn pri la Esperanto-kursoj, pli ol 30 gelernantoj partoprenis en la unua kurso kiun gvidis M.Reza Torabi. Unuafoje estas ke en Irano oni reklamas pri Esperanto-kursoj en la ĵurnaloj kaj televid-kanaloj.

### *IREJO ricevis donacaĵojn de Internacia Esperanto-Instituto.*

Dank' al I.E.I kaj ties prezidantino. IREJO ricevis la kompletan kurson de *"Mazi en Gondolando"* . I.E.I donacante librojn kaj Mazi-kurson al IREJO ege favoris nin per siaj helpoj.

### *Beheŝti universitato IREJOn invitis*

" La esplora studenta komitato de Beheŝti universitato " sendante oficialan invit-leteron petis IREJOn aranĝi E-kursojn al la membroj de la komitato. Oni prilaboras la aferon kaj baldaŭ E-kursoj de IREJO ankaŭ estos aranĝitaj en Beheŝti universitato de Tehrano.

### *Traduko el Esperanto al la Persa*

La monata revuo " Ruz-ha-je Zendegi" (Vivtagoj) ĉiu numere aperigas tradukaĵojn el la Esperantaj gazetoj al la persa kun la indiko de la Esperanta fonto.

### *La Islama revulacio kaj informada eksplodo pri Esperanto*

Laŭ la farita esploro, malgraŭ multaj imagoj, post la islama revulacio(1979) Irana gazetaro kompare kun antaŭ la revulacio aperigis la

plej multajn informojn pri Esperanto kaj kvante kaj kvalite. La plej detalaj inform-artikoloj pri E-o estas eldonitaj post la islama revulacio en Irana gazetaro.

*Raporto pri la 6-a ĝenerala IREJO-Kunveno:*

Komence, je la dua posttagmeze, iom post iom la partoprenantoj alvenis. Je la tria horo, oficiale oni komencis la programon, kvankam ne estis antaŭ-preparita tute oficialan programon. S-ro Gasab-Zadeh proponis regulajn kursojn por progresantoj. S-ro Torabi respondis ke de la antaŭa semajno estis decidita havi regulan ĉiusemajnan kurson por progresantoj per la libro "Aventuroj de pioniro" de Edmond Privat. Tiuĉi aranĝo estas ĉiusemajne je la 3-a ĝis la 6-a. En la progresa kurso oni informiĝas pri ĉiuj novaĵoj rilate al Esperanto kaj IREJO; Kaj interŝanĝiĝas ricevitaj publikaĵoj.

S-ino Kárimi demandis pri alia kurso en la kunvenejo; S-roj Hábib-Pur kaj Torabi kunsentis kaj decidis ke post la novjaraj ferioj anonciĝu pri la tagoj kaj horoj de la kurso.

S-ro Hákim-Neĵad legis sian artikolon pri Internacia Kalendaro, kiu plaĉis al ĉeestantoj. La artikolo poste aperiĝos en IREJO-Bulteno.

Multe paroliĝis pri aliaj kursoj kaj lokoj por kursoj. Ĉiuj oferis siajn proponojn kaj opiniojn. La rezulto estis tiu ke same kiel antaŭe ni daŭrigu kaj progresigu. S-ro Ĥosro-Abadi invitis ĉiujn partoprenantojn al helpo kaj agado por kunlabori.

Laste prezentiĝis opiniojn pri la resumo de pasintjara agado kaj la planojn por la venonta jaro. S-ro Mir-Bozorgi proponis organizi Traduk-Rondo de IREJO. La financa situacio de IREJO ankaŭ estis diskutata.

*H. Ŝ*

Internacia Poŝtista kaj Telekomunikista Eperanto-Asocio(IPTEA)
Kun sidejo en Sofio-Bulgario, serĉas kontaktojn kun siaj gekolegoj-oficistoj kaj laboristoj el la sfero de PTT (Poŝta kaj Telekomunikado), radio kaj televido de la tuta mondo.
Celoj aliĝo al IPTEA kaj kunlaboro por disvastigo de Esperanto inter PTT-istoj.
IPTEA eldonas fak-revuon "INTERLIGILO"
Adreso por mendi detalajn informojn :
IPTEA, poŝtenska kutija 25, BU-1000 Sofia, Bulgario

## Anoncoj

منتشر کرده ایم :

*Gramatika Demandaro Resuma*
*Julio Bagi*

کتابی ارزشمند در زمینه مفاهیم دستوری زبان اسپرانتو با توضیحات کامل
خواندن این کتاب را به همه علاقه مندان زبان اسپرانتو سفارش می کنیم. بهاء ۱۸۰۰ ریال

منتشر شد:

*Fundementoj de lineara algebro*
*D-ro Ulrich Mathias*

چاپ اول : پاییز ۱۹۹۵، آلمان

کتابی ارزشمند برای دانشجویان و علاقه مندان دانش ریاضی. بهاء ۱۸۰۰ ریال

کیف کمری با نشان !Saluton هدیه ای از ایتالیا

تعدادی کیف کمری با نشان !Saluton در دفتر اسپرانتو جوان موجود است.
علاقه‌مندان با پرداخت ۱۲۰۰۰ ریال تمبر باطل نشده و یا ارسال وجه نقد بوسیله پست مالی به آدرس ص پ ۶۱۸-۱۳۱۸۵ به نام عباس باغستانی می توانند آنرا دریافت کنند.

Esperanta Kalendaro

تعداد محدودی تقویم دیواری اسپرانتویی سال ۱۹۹۶ میلادی موجود است.

بهاء ۳۰۰۰ ریال

**Turismumi, montgrimpi, naturumi, Esperantumi**
*Dua IREJO-EKSKURSO*

Unu semajna ekskurso ĉe Sábálan somerrestadejo.
Dato : 12-18 . 5. 1375 (3-9 . 8 . 1996)
Mendu la detalajn informojn ĉe la konstanta adreso de IREJO.